# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 81**

Bulteno de KAEM

Oktobro 2013

Retadreso de KAEM

azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com

(ne aliĝinte al la grupo, oni povas mesaĝi).

------------------------------------------------------------------------------

## Sukcese okazis la 100-a Japana Esperanto-Kongreso!




En Tokio, inter la 12a kaj la 15a de oktobro, sukcese okazis la 100-a Japana Esperanto-Kongreso. Al la jubilea, historie signifoplena kongreso aliĝis entute 719 homoj, inkluzive de 48 el 23 landoj kaj pli malpli dek alilandaj esperantistoj loĝantaj en Japanio. Inter tiuj 48 personoj, troviĝis sep invititoj el Azio: s-ro Park Yongsung (NEMA) el Koreio, s-ino Tan Xiuzhu el Ĉinio, s-ro Navaraj Budha el Nepalo, s-ino Nguyen Thi Nep (Nepo) el Vjetnamio, s-ro Iyan Septiyana el Indonezio, s-ino Uzakova Mehrangez el Taĝikio kaj s-ro Hamzeh Shafiee el Irano.

Ĉi-kongreso estis aparte memorinda kaj grandskala, ĉar la

numero 100 havas specifan signifon en ajna okazo. Ni do decidis, ke la kongreso estu bona okazo pensi ne nur pri la historio sed ankaŭ pri la estonteco de nia movado. Por sukcesigi la kongreson, 17 LKK-anoj kun la helpo de multaj kunlaborantoj kaj helpantoj prepare laboradis unuanime.

Ni pensis, ke la kongreso povas esti bona ŝanco por diskonigi Esperanton, kaj pro tio ni aranĝis multajn programerojn malfermitajn al la publiko.

Mi raportu niajn ĉefajn aranĝojn laŭprograme.

**■ la 12-a de oktobro (sabate)**

Ni vere miris pro la nombro de homoj, kiuj venis al la publika enkonduka kurso de Esperanto, kiun gvidis s-ro HUZIMAKI Ken'iti. La nombro de kursanoj atingis 50! Tio preskaŭ neniam okazis en Japanio dum la lastaj kelkdek jaroj, kaj estis super nia imago. Fakte tio estis granda ĝojo por ni.

**■ la 13-a (dimanĉe)**

Posttagmeze okazis Publika Preleg-kunsido, kies temo estis "Esperanto en Japanio, Japanio en la Esperanto-movado; lerni de historio por estontaj perspektivoj". Unue prelegis japanlingve prof. GOTOO Hitosi pri la temo "Kian rolon ludis Esperanto en Japanio?". Sekvis prelego de d-ro Ulrich Lins kun traduko al la japana pri la temo "Kian rolon ludis la japana Esperanto-movado en la mondo?". Prof. Kimura Goro Christoph parolis en la japana kun la titolo "Kian rolon Esperanto plenumu en estonteco?". Ilin diligente aŭskultis pli ol 300 homoj, inter ili troviĝis ĉirkaŭ 50 nekongresanoj. Vespera altiraĵo estis Publika Koncerto, en kiu bele ludis diversĝenraj muzikistoj esperantistaj; JoMo el Francio, s-ro Kitagawa Atuto, s-ino Noda Junko, Eterne Rima (origine el Pollando), s-ino Takahasi Mayuko, s-ino Yomitanzan Kozue, s-ro Numata Seiya kaj la membroj de koreadevena perkutinstrumenta grupo URIPARAM kaj la korusa grupo HARMONIO. La koncerto multe allogis ne nur kongresanojn sed ankaŭ multajn homojn ekster Esperantujo. Ĉiuj plene ĝuis la vesperon.

■ **la 14-a (lunde/feriotago)**

Tiun tagon ni ankaŭ havis kelkajn publikajn programerojn. Unu el ili estis "Literatura dialogo" de du junaj esperantisto-verkistoj, s-ino Wen Yuju kaj s-ro Mamiya Midori. La ĉambro abundis je homoj inkluzive de multaj neesperantistoj. S-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA, prelegis pri Gustaf John Ramstedt, la granda finna esperantisto, lingvisto kaj diplomato. La prelego de s-ro Jack Halpern, poligloto loĝanta en Japanio jam 40 jarojn prelegis en mirinde bona japana lingvo pri "Kio estas efika maniero de lingvolernado? Kial mi rekomendas Esperanton?". La ĉambro pleniĝis de pli ol 100 ĉeestantoj, inter ili troviĝis proksimume 30 neesperantistoj.

Krom supre menciitaj pubikaj aranĝoj, la kongresanoj ĝuis multe da specialaj kaj ordinaraj kongresprogrameroj. Sep invititoj prezentis E-movadon en sia lando kaj interŝanĝis spertojn kaj opiniojn. Prelegis ankaŭ s-ro Lee Jungkee el Koreio, d-ro Markus Gabor el Hungario kaj s-ro Joel Amis el Kanado. Japanoj prelegis en studraporta kunsido kaj dum kulturaj prelegoj. Diversaj fakkunsidoj kiel kutime okazis. Dum la tuta kongresperiodo, duloke en la kongresejo ni aranĝis ekspozicion pri Esperanto, famaj esperantistoj kaj aferoj rilataj al la lingvo.

Kiel vi jam vidis, ĉi-kongreso estis nekutime bonetosa kaj eventoriĉa, kaj krome, senteblis dum la tuta kongresperiodo vigleco kaj gajeco naskita de la ĉeesto de multaj junuloj. Ili pozitive aranĝis kelkajn programerojn kaj mem partoprenis en diversaj programeroj.

Sukcese finiĝis la 100-a JEK, kaj nun japanaj esperantistoj ekpaŝis sur la vojo al la venonta centfojo. Tamen tre malfacilas imagi tian estonton. Ĉu la partoprenintoj en la unua japana kongreso povis imagi ĉi-fojan kongreson?

ISIKAWA Tieko isksanjo@ff.e-mansion.com
Prezidanto de la LKK
de la 100-a Japana Esperanto-Kongreso

## Japanio

# NurEsperanta Kunvivado en Jacugatake-Esperanto-Domo



Ni havis NurEsperantan Kunvivadon ankaŭ ĉi-jare en Jacugatake en somero. Partoprenis sume 16 personoj en ĝi kaj sufiĉe ĝuis Esperantan paroladon. Ĉefaj programeroj estis asignitaj en ĉiu individua horo kiel jene:

1. Grupa Interparolado

16 ĉeestantoj dividiĝis en kvar grupojn de po kvar personoj. Ĉiu el la kvar grupanoj parolis almenaŭ unu temon, kaj aliaj aŭskultis kaj demandis.

2. Komuna Kunsido

Unu el ni parolis pri okazaĵoj de Esperanto, precipe pri kongresoj en Jerusalemo, Rejkjaviko k.a. En la posta duono ni havis amuzan programon kun kvizoj kaj ludoj.

3. Arta Vespero

Ni ĝuis muzikon, dancon, mantrukon, bildon k.a. fare de la partoprenantoj mem.

En la lasta tago ni ĝuis ekskurson ĉirkaŭ la Domo. La vetero estis bela kaj ni povis spekti Monton Fuĵi.

Jen estas impresoj de du partoprenantoj:

"Bone planita programo kaj lerte administrata tagordo," kaj "Kiam mi vidis horloĝon post la amuzado, mi subite rimarkis ke jam vesperiĝis."

*Jacugatake-Esperanto-Domo estas kursejo de Japana Esperanto-Instituto 150 kilometrojn for de Tokio, piede de la monto Jacugatake.

## Esperanto-klubo gajnis la unuan premion




La Kultura Festivalo de Sanjoo-Supera-Mezlernejo en la gubernio Okajama, Japanio, okazis la 7an de septembro. Esperanto-klubo, havante la sloganon “Per Esperanto kuniĝu kun la mondo”, montris eksterlandajn poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn, fotojn de Rejkjaviko kaj la UK tie kaj 20 mesaĝojn, kiujn s-ino Harada Fusako, gvidantino de la klubo, ricevis dum la UK al la mesaĝoj de la klubanoj. Dank’ al tiuj internaciaj ekspoziciaĵoj la klubo gajnis la unuan premion el la 23 kluboj de la lernejo.

## Propagando de Esperanto en Globa Festo




La 5an-6an de oktobro okazis Globa Festo en la centro de Tokio, al kiu kolektiĝis interesitoj pri internacia kunlaborado. 10 esperantistoj en kaj ĉirkaŭ Tokio havis budon de Esperanto kaj disdonis flugfoliojn de Esperanto kaj la 100a Japana Kongreso kaj malfermis

5-minutan Esperanto-kurson. Ĉi-jare ni faris novan Esperanto-flagon, kiu tiris pli multajn homojn al ni.

Namamura Daiŝin dsn@k2.dion.ne.jp

## Aŭtuna Kultura Renkontiĝo en Jacugatake-E-Domo



Post la Japana Kongreso, de la 15a ĝis la 17a de oktobro, okazis Aŭtuna Kultura Renkontiĝo en Jacugatake-Esperanto-Domo. 8 eksterlandanoj (Kanado, Italio, Taĝikio, Nepalo, Koreio, Hungario kaj 2 el Aŭstralio) kaj 9 japanoj kune vojaĝis al la Domo situanta 150 kilometrojn for de Tokio. En la dua kaj la tria tago ses homoj prelegis pri diversaj temoj, kaj posttagmeze en la dua tago ĉiuj promenis en la najbara arbaro. Tiujn tagojn grandega tajfuno atakis Japanion, kaj la prizorgantoj timis, ke ĝi povos malhelpi nian renkontiĝon, sed feliĉe la tajfuno ne rekte atakis nin. Male, pro la

bela vetero post la tajfuno ni povis vidi la monton Fuĵi. Ĉio estis tre bonorda kaj ni havis tre ĝojajn tagojn internaciajn.

HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

# La 77a Hokkajda Kongreso de Esperanto

La 19an-20an de oktobro okazis la 77a Hokkajda Esperanto-Kongreso en la urbo Sapporo en la norda insulo Hokkajdo.

La 19an okazis la ĝenerala kunsido de Hokkajda Esperanto-Ligo, en kiu oni decidis la agadplanon kaj elektis novan estraranon. S-ro Hoŝida Acuŝi elektiĝis kiel la nova prezidanto kaj s-ino Kaŭai Juka kiel sekretario. Vespere okazis bankedo, en kiu partoprenis dekkelkaj homoj.



Antaŭtagmeze de la 20a okazis Publika Programo, en kiu s-ro Hori Jasuo, kiu venis de la regiono Kantoo, koncertis per diversaj muzikiloj el la mondo kaj montris vastan mondon, kiun oni povas vidi per Esperanto. Posttagmeze denove aperis Hori kiel preleganto pri la Japana Katastrofo. Li jam vizitis ĉiujn urbojn kaj vilaĝojn damaĝitajn de la tertremo, la cunamo kaj la nuklea akcidento okazinta en marto, 2011. Li montris multajn fotojn kaj eĉ kantis mem versitajn kantojn. Ĉiuj partoprenantoj profunde kortuŝiĝis dum la 3-hora prelego kaj decidis ne forgesi la tragedion.

La kongreso estas malgrandskala, sed kelkaj junuloj partoprenis, kaj ankaŭ ne-esperantistoj, el kiuj du anoncis, ke ili eklernos Esperanton.

Raportis Kaŭai Juka

## La 54a Toohoku-Esperanto-Kongreso

La 26an kaj la 27an de oktobro okazis la 54a Toohoku-Esperanto-Kongreso en la urbo Jamagata situanta en la nordorienta parto de Japanio. La 26an s-ro Hori Jasuo prelegis pri sia ses prelegvojaĝoj al Francio. Ek de 2008 ĝis 2013, li estis invitita de francaj esperantistoj kaj prelegis pri Japanio kaj ĝia kulturo, kaj en la lastaj 3 jaroj pri la Japana Katastrofo.

La 27an prof. Gotoo Hitoŝi parolis kun la temo “Esperantistoj en/el Toohoku”. Li estas unu el la du ĉefaj redaktantoj de laste eldonita « Biografia Leksikono de la Esperanto-Movado en Japanio ». Sekve s-ro Halpern Jack, israelano longe loĝanta en Japanio, parolis kun la temo “Kiel lerni fremdajn lingvojn kaj rekomendo al Esperanto”. Li estas poligroto, scipovante ?? lingvojn.

Dume okazis bankedo, konkurso de deklamado, kunsido de Toohoku-Esperanto-Ligo kaj fakkunsidoj. Poste ekskurso okazis al Bunŝoo-kan (eksaj gubernidomo kaj parlamentejo).

Entute ??? homoj partoprenis en la kongreso, inkludante ?? moralaj partoprenantoj.

## Pakistano




# La 2a Sud-Azia Seminario en Lahore, Pakistano

La 25a de februaro – 1a de marto 2014

Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA) decidis okazigi la duan Sud-Azian Seminarion (La 2-a SAS) en Pakistano. Ĉefaj celoj estas disvastigi Esperanton kaj kunigi esperantistojn en la regiono. La 2a SAS okazos venontjare (2014) de la 25a februaro ĝis la 1a marto en la urbo Lahore, kiu estas ĉefurbo de Punjaba-provinco de Pakistano. Ĝi estas plej fama historie kaj plej multe loĝata en Pakistano.

PakEsA invitas ĉiujn esperantistojn el la tuta mondo por internaciigi la etoson.

**Jen estas la proponita programo :**

La 25-a de februaro: Registrado, Komitata Kunsido, Interkona Vespero

26-a: Malfermo de la Seminario, Esperantaj Kursoj kaj Prelegoj

27-a: Prelegoj kaj Kursoj

28-a: Ekskursoj

01-a de marto: Kursoj kaj Prelegoj, Komitata Kunsido kaj Bankedo kaj Fermo de la programo

Detalojn de fakkunsidoj ni dissendos poste. Ni ankaŭ instruos Esperanton en diversaj niveloj, faros prelegojn kaj prezentos aliajn interesajn programerojn.

La kotizo estos
Rs. 2500/- pakistanaj rupioj por pakistananoj
Rs. 4500/- rupioj por Sud-Azianoj
(Nepalo, Barato, Bangladeŝo, Srilanko, Afganio, Butano kaj Maldivoj)
75 eŭroj por aliaj landanoj.
Ni pretas gastigi partoprenantojn en niaj hejmoj, sed ni proponas uzi loĝlokon en hoteloj speciale por eŭropaj samideanoj.

Ni atendas vian aliĝon.

Shabbir Ahmad Sial Prezidanto de PakEsA
Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA)
Esperanto Markaz, Chowk Shahidan, Multan, Pakistano.
pakesa@yahoo.com, pakesa@gmail.com,pakesa@hotmail.com



LA 1A JUNULARA ESPERANTO KONGRESO
EN NANKANA SAHIBO, PAKISTANO



پہلی اسپرانتو یوتھ کانگرس، ننکانہ صاحب۔پاکستان

TEMO: DISVASTIGADO DE ESPERANTO INTER PAKISTANAJ GEJUNULOJ
6A OKTOBRO, 2013 ĉe GOVT. M/C HIGH SCHOOL

ORGANIZITA DE: JUNULARO ESPERANTISTA PAKISTANA (JEP), WWW.FB.COM/YEPAK
JEPOFICEJO@GMAIL.COM, +92-3135363211/3344371376/3134448345

La Unua Junulara Esperanto Kongreso de Junularo Esperanta Pakistana (JEP) sukcese okazis. Ege granda laboro necesis por okazigi kongreson por junuloj en Nankana Sahibo. Ekde la fondo de JEP, ni ĉiam planis kolekti junulojn al unu platformo, kaj la tempo venis. Ni gaje kongresis kune. S-ro Iqbal Hussain Kharal (Deputita Oficisto de Edukado) estis nia ĉefgasto. Li ĉiam subtenas nian

junularan agadon por Esperanto kaj ankaŭ li estas lingvemulo. Pli ol 20 junuloj ĉeestis en nia evento. Kelkaj el la ĉeestintoj decidis lerni serioze, do nia kongreso estis fruktodona por nia estonteca movado. Post la prelegoj pri Enkonduko de Esperanto, Junulara kaj Pakistana Movado komencis klason por lerni. Estis feliĉa tempo, ke oni tuj kaptis la sistemon de Esperanto, nia klaso daŭris unu horon.

Post la klaso, oni transdonis salutmesaĝjon (kun traduko) de s-ro Michael Boris Mandriola (Vicprez. de TEJO), Juan Sebastian Quintero (Vicprez. de Kolombia Esperanto-Ligo), Miĉo Vrhovac (Vicprez. de Esperanto-Societo "La Mondo" el Bosnio kaj Hercegovinio) kaj bondeziroj de s-ro Naeem, prof. Saeed, s-ro Ikhlas el Pakistano, s-ro Salam de landa asocio "PakEsA", s-ro Zubair (KAEM-ano el Pakistano), s-ro Bharat Ghmirie el Nepalo, s-ro Adam el Malajzio, s-ino Marcia Braga de Oliveira el Rio de Janejro (Brazilio) kaj aliaj al ĉeestintoj

Fine, ni prenis kelkajn decidojn plibonigi nian movadon. Ni reelektis estraron jene por 3-jara laborplano.

Prezidanto: f-o Adeel Mahmood Butt
Vic-Prezidanto: f-ino Munaza Afzal
Sekretario: Waqas Atlas
Inform-sekretario: Qasim Ali
Membroj: Muhammad Yaseen, Mashari Mahmood,
Tanzeel Butt, Junaid Shah, Waqar Azeem

**Laborplano:**

1) En nia 3-jara laborplano, Ni enirigos Esperanton en najbaraj distriktoj kiel Ŝejĥupurao, Fajsalabado kaj Lahoro.
2) Okazos la 2a Junulara Esperanto-Kongreso venontjare en la sama urbo (Nankana Sahibo).
3) Ni komencos kontakti kun studentaj kaj junularaj organizoj de nia regiono.
4) Ni planos pri organizo de Sudazia Junulara Renkontiĝo de Esperanto en 2015 kiel Komuna Seminario inter Orientaziaj Junuloj

okazas. Do, ni anoncos la daton kaj lokon post junio 2014.
5) Ni laboros por iĝi landa sekcio de TEJO kaj informos pri nia agado.

Post decidoj kaj organizi bone la kongreson, oni gratulis unu la alian kaj kongreso akiris je fino.

Adeel M. Butt, Prez. de JEP
JEP | Junularo Esperantista Pakistana
www.fb.com/yepak , jepoficejo@gmail.com

# Nepalo

## Partoprenu en Speciala Ekskurso 2014




La Nepala Esperanto-Asocio anoncas 12-tagan specialan ekskurson de la 6a ĝis la 17a de marto 2014.

Ĉiuj scias, ke NEspA okazigas la Himalajan Renkontiĝon en ĉiu dua jaro (ĉi-jare ni okazigis la 10an HR-on en marto). La Himalaja Renkontiĝo konsistas plejparte el piedvagado en la montaro, sed tio ne eblas al ĉiuj aĝ-grupoj.

Multaj samideanoj volas viziti Nepalon, sed timas tian marŝadon. Ĉi-foje ni okazigos ekskurson al famaj nepalaj turismaj lokoj atingeblaj per buso kaj sub belaj pejzaĝoj: Katmanduo, Ĉitŭan Nacia Parko, Lumbini, Palpa kaj Pokhara.

La nepala Esperanto-movado kreskas pli kaj pli, sed ĉiuj anoj de NEspA ne povas viziti eksterajn landojn pro la kosto, tamen

almenaŭ eblas inviti amikojn el aliaj landoj tien ĉi. Kaj tio montriĝis fakte efika programo. La ĉefa celo de la programo estas konigi Nepalon kaj nepalajn esperantistojn al la mondo kaj reciproke.

Nepalo estas ebria miksaĵo: fascina lando de antikva historio, viglaj kulturoj kaj popoloj, biodiverseco kaj majestaj pejzaĝoj.

Ĝiaj geografiaĵoj etendiĝas de belaj altaj neĝpintoj en la nordo, la malpli altaj montoj en la mezo kaj bela, fekunda ebenaĵo kun multaj arbaroj en la sudo. Situante inter Tibeto (Ĉinio) kaj la Ganga ebenaĵo (Barato), Nepalo tra sia historio sentis la influon de ambaŭ tre diversaj civilizacioj, sed samtempe kreis identecon por si mem. La lando havas preskaŭ 28 milionojn da homoj, parolantaj 125 lingvojn aŭ dialektojn.

Okdek procentoj de la nepala popolo sekvas hinduismon, sed la lando estas oficiale sekulara, kaj fakte lando de multaj religioj. La templo de Paŝupatinath en Katmanduo estas unu el la kvar plej gravaj lokoj por adorantoj de Ŝiva. La Budho, la "Lumo de Azio," naskiĝis en Lumbini en la suda ebenaĵo, farante Nepalon sankta celo por pilgrimantoj. La multaj etnoj ofte kultas proprajn diojn.

**Laŭtaga Programo**

6a de marto: Alveno kaj enhoteliĝo

7a de marto: Matena vizito al Baŭdhnath kaj Paŝupathinath, kaj posttagmeza vizito al Bhaktapur

8a de marto: Matena vizito al Svajambhunath kaj posttagmeza vizito al Patano

9a de marto: Je la 7a horo matene forlaso de Katmanduo por Ĉitŭan Nacia Parko; ekskurso al etna vilaĝo posttagmeze

10a de marto: Observado de birdoj antaŭ matenmanĝo. Kanota veturado kaj promenado antaŭ la tagmanĝo; elefantrajdo kaj ĝangala promenado posttagmeze

11a de marto: Ekveturo al Lumbini post la matenmanĝo, ekskurso en la ĉirkaŭaĵo de Lumbini-templo kaj tranokto en hotelo

12a de marto: Vizito al templo Maya Devi kaj diversaj vidindaĵoj; post la tagmanĝo veturo al Palpa

13a de marto: Matena ekskurso en Palpa, inkluzive al malnova palaco; forveturo al Pokhara

14a de marto: Je la 6a horo matene ekveturo al Sarangkot por rigardi Annapurna kaj aliajn montojn; posttagmeze ekskurso al diversaj lokoj

15a de marto: Matena ekskurso kaj post la tagmanĝo diversaj Esperantaj programeroj

16a de marto: Reveno al Katmanduo frue matene kaj ripozo

17a de marto: Libera tago kaj adiaŭa vespero

18a de marto: Foriro

Elŝutu la tutan broŝuron ĉi tie: SPECIALA EKSKURSO 2014 EN NEPALO. PDF.pdf
(https://docs.google.com/viewer?a=v&pid=sites&srcid=ZGVmYX
VsdGRvbWFpbnxuZXBhbGFlc3BlcmFudG9hc29jaW98Z3g6N2M
xMjU1YTE5Mjk4YTA0ZQ)

Bharat Ghimire<nespa.1990@gmail.com>;




## Nova nepala lernolibro

S-ro Bishwambhar Ghimire eldonis 190-paĝan lernolibron "Esperanto, Esperanto-English-Nepal". La libro konsistas el 14 partoj, kaj bone klarigas la regulojn de Esperanto. Certe ĝi estas bona enkonduko al Esperanto por nepalanoj. La klarigoj estas faritaj en tri lingvoj, do eĉ se vi ne scipovas la nepalan, vi povas lerni Esperanton pere de la angla en tiu ĉi libro. La retadresoj de la aŭtoro estas bg_yatri@hotmail.com kaj bg_yatri@yahoo.com

# Filipinoj

## Vortaro kaj lernolibro en la tagaloga

La vortaro kaj lernolibro pri Esperanto en la tagaloga lingvo estas metitaj en la retpaĝo de Seula Esperanto-Kulturcentro (www.esperanto.co.kr).

Ili estas verkitaj de s-ro Joerdan Banal Sugue, filipina esperantisto. Mi kore dankas al li, kiu volonte permesis ilian publikigon. Iu ajn, kiu interesiĝas pri vortaro kaj lernolibro, tutlibere vizitu la retpaĝon kaj prenu ilin.

* Vortaro : Tagalog-English-Esperanto (kompostita de s-ro Joerdan Banal Sugue) http://goo.gl/tByIvQ
* Esperanto-lernolibro en Tagaloga lingvo (verkita de s-ro Joerdan Banal Sugue) http://goo.gl/f3Fl7p

# Indonezio

## La nuna E-movado en Indonezio

Dum preskaŭ 4 jaroj, E-movado pli kaj pli kreskiĝas kaj la plej grava punkto estas sukceso de la unua Indonezia Esperanto-Kongreso, kiu sukcese fondis Indonezian Esperanto-Asocion (IEA) la 7an de aprilo 2013. Poste 22 indonezianoj tuj aliĝis al la asocia antaŭĝenerala kunsido por elekti la estraron por laborperiodo ekde 2013 ĝis 2016.

Sube estas la estraranoj de Indonezia Esperanto-Asocio:

- Prezidanto : Ilia Sumilfia Dewi
- Sekretario : Endang Sabrina
- Kasisto : Eta Esperantistina
- Informada Fako : Andre Samosir kaj Roga Sembada
- Edukada Fako : Reza Pahlevi

Ekzistas kelkaj kluboj kaj klubetoj en kelkaj urboj. Aktivuloj faras Esperanto-enkondukon kaj bazan kurson. Kutime ili prenas instrumaterialojn de diversaj libroj kaj E-retejo, kiel lernu.net kaj edukado.net. Sube estas la listo de kelkaj E-grupoj aŭ kluboj, kiuj ankoraŭ daŭre aktivas. La aktivuloj ankaŭ klopodas publikigi Esperanton ĉe lokaj gazetoj, radio kaj televido. Sekvante E-kampanjon de “Esperanta Jaro 2013” kaj okaze de la UK-98 en Islando, kelkaj grupoj kaj kluboj faris kampanjon en diversaj urboj.

La ĉefaj agadoj de IEA dum la unua jaro rilatas al informado kaj edukado. Por konkretigi la agadojn, la estraro jam organizas laborplanon kunlabori inter E-grupoj kaj kluboj en diversaj urboj. Kelkaj estas :

1. Daŭre instigi E-grupojn kaj klubojn por disvastigi Esperanton en siaj urboj.
2. Daŭre fari bazan kurson kaj E-enkondukon.
3. Kunlabori kun diversaj amaskomunikiloj por publikigi Esperanton

kaj ĝian utilecon por solvi problemon de internacia komunikado.
4. Daŭre naski novajn esperantistojn kaj aktivulojn por labori kaj subteni la movadon
5. Instigi kaj progresigi junularan movadon.
6. Kunlabori kun eksterlandaj samideanoj, E-organizoj por aktive kontribui al la movado en regionaj landoj kaj aliaj partoj de la mondo.
7. Komenci kun laboro kun ŝtataj instancoj kiel Edukado kaj Turismo por publikigi, enkonduki kaj uzi Esperanton.

Krom tiu, oni ankaŭ povas akiri informon pri Indoneziao Movado kaj ĝia aktiveco pere de tiu ĉi ligo https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio.

Alia maniero, kiu ankaŭ estas efika por disvastigi Esperanton en Indonezio, estas fejsbuko kaj tvitero @BahasaEsperanto.

Pere de tiuj sociaj medioj, ni starigas virtualan E-grupon kaj klubon por faciligi la kontakton inter indoneziaj esperantistoj kaj ilo por enmeti ĝeneralan informon pri nia movado, ekz ĉe https://www.facebook.com/groups/EsperantoJakarta/?fref=ts, oni povas trovi kaj kontakti esperantistojn en Ĝakarto kaj rigardi ilian agadon. Ni fakte profitas ŝatatan kutimon de indonezianoj, kiuj facile kuniĝas en retejo per sociala medio.

**Bandung**: http://asianafricanmuseum.org/es/

Ekde julio 2012 – aprilo 2013: okazigis E-kurson en Universitato Pasundan, Bandung, partoprenantoj estas ĉirkaŭ 20 studentoj de la fako Internaciaj Rilatoj

Ekde januaro 2012- Junio: okazigis E-kurson en Muzeo « Trejnando por Trejnanto », partoprenantoj estis 12 personoj sed ĝis nun restas nur 2 personoj.

Septembro 2012 – Marto 2013: okazigis E-kurson en Muzeo por komencantoj, la partoprenantoj estis ĉirkaŭ 40 personoj el 2 kursoj, sed restas nur 3 personoj. Pro la ŝtatekzameno ili decidis havi paŭzon en ĉi semestro kaj daŭros poste kiam ili pasos el la mezalta lernejo.

En la progresanta kurso estis 3 personoj, sed nun nur restas 2 personoj kaj ili estos la novaj instruantoj de nia klubo.

Oktobro aŭ novembro 2013 ĝis venontjaro:

E-kurso ĉe Universitato Pasundan kun la sama fako kiel pasintjaro E-kurso ĉe Universitato Pasundan en la fako de Komerca Administrado.

E-kurso ĉe muzeo por komencanto estos por tiuj, kiuj estas seriozaj kaj havas kontribuan deziron por disvastigi Esperanton.

Mallonga kurso ĉe kelkaj universitatoj kaj mezalta lernejo kun eksterlanda instruisto.

**Makasar :**

- Havi regulan kunvenon kaj enkondukan E-kurson.

**Medan :**

- Havi regulan kunvenon kaj bazan kurson.
- E-kurso en orfejo gvidita de Reza Pahlevi. Estas regula programo de kelkaj studentoj, kiuj ŝatus esti volontuloj por instrui diversajn temojn.

# Srilanko

## Nova Kurso komenciĝis



Nova Esperanto-kurso komenciĝis antaŭ du monatoj en la nordokcidenta provinco Kurunegala en Srilanko, kie nova filio fondiĝis. La prezidanto de SLEA s-ro Zeiter gvidas ĝin. Dek membroj lernas Esperanton kun granda intereso.

Dilan Sanjaya
dilanesperanto@gmail.com

**Ĉinio**

# La 10-a Ĉina Kongreso de Esperanto

Ekde la 15-a ĝis la 17-a de novembro, la 10-a Ĉina Kongreso de Esperanto okazos en Zaozhuang-a Universitato en orienta Ĉinio, kie estas Internacia Esperanto-Muzeo. Dum la kongreso la Esperanto-muzeo havos sian inaŭguron. Interesitoj kontaktu min.

Sun Mingxiao (Semi), delegito de UEA en Zaozhuang Semio@163.com

# La 32-a Komuna Seminario de orient-aziaj junularoj

Komuna Seminario (KS) estas renkontiĝo de orient-aziaj junularoj, kiu unuafoje okazis en la jaro 1982 kaj poste laŭvice okazis kaj okazos en Koreio, Japanio, Ĉinio kaj Vjetnamio. Ĉi-jare ĝi okazos en Ĉinio de la 20-a ĝis la 22-a de decembro.

La seminariejo estos la sidejo de la Ĉina Internacia Eldona kaj Distribua Administracio, al kiu apartenas El Popola Ĉinio kaj la Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL). La partoprenantoj loĝos en proksima hotelo. Ĝi estas en okcidenta parto de la centra Pekino. Komencantoj kaj progresintoj ĉiuj estas bonvenaj. Ni elkore atendas vin en Ĉinio!

●**Dato:** la 20a – la 22a de decembro, 2013
●**Loko:** Ĉina Esperanto-Ligo, Pekino
●**Temo de la seminario:**
“Kia maniero estas taŭga por kontaktoj inter la junularoj en Azio”
●**Organizanto:** Ĉina Junulara Esperanta Asocio
●**Kunorganizantoj:**
Japana Esperanto-Junularo (JEJ)
Korea Esperanto-Junularo (KEJ)
Vjetnama Esperantista Junulara Organizo (VEJO)

●**Kontaktiĝu kun:**
Shi Guang simon_sg@163.com
Telefono: 0086-10-68326682

●**Kotizo:** La kotizo kovras koston por 2 tranoktojn kaj 5 manĝojn.
850 juanoj por aliĝinto de Ĉino, Japano kaj Koreo
750 juanoj por aliĝinto de aliaj aziaj landanoj

●**Programo** (provizora):
La 20an: akcepto, Interkona Vespero
La 21an: diskuto pri la temo, prelegoj, Amuza Vespero
La 22an: Ferma Soleno, Postseminaria ekskurso

●**Postseminaria ekskurso:**
La 22an: La Imperiestra Palaco kaj La Ĉiela Altaro
La 23an : La Granda Muro,
La Dektri Mauzoleoj de Ming-dinastio

**Aliĝkotizo:** 1150 juanoj por Ĉino, Japano kaj Koreo
1050 juanoj por aliaj aziaj landanoj
Inkluzivo: biletoj de la vindindaĵoj, trafikoj, 2 tranoktoj kaj 6 manĝoj.

*Por neplena partopreno la diferenco estas repagota surloke.
(se oni volas ekskursi al aliaj vindindaĵoj aŭ urboj, bv. kontaktiĝi kun LKK anticipe)

●**Kiel aliĝi**
(1) Plenigu la aliĝilon kaj sendu retpoŝte al: simon_sg@163.com
(2) Aliĝintoj pagu kotizon surloke aŭ sendu al la suba ĝirkonto:
Nomo: SHI GUANG
Kontonumero: 4563 5101 0088 0094 655
Adreso: BANK OF CHINA BEIJING BRANCH BAI WAN ZHUANG SUB-BRANCH
SWIFT CODE: BKCHCNBJ110

●**Atentigo:** LKK ne povas zorgi pri via vizo por viziti Ĉinion.

# Vjetnamio

## La 5-a kongreso de Vjetnama Esperanto-Asocio

La 29-an de septembro, 2013, okazis la 5-a kongreso de Vjetnama Esperanto-Asocio por la oficperiodo 2013 - 2018. Ĉeestis 106 delegitoj el malsamaj urboj de Vjetnamio kiel Hanojo, Ho Ĉi Minh Urbo, Hajfongo, Hajzuongo, Binzuongo. Krome, la kongreso allogis la komunikilojn interesitajn pri Esperanta Movado de Vjetnamio.




Kadre de la kongresa laborprogramo, s-ro Nguyen Van Loi, prezidanto de VEA, raportis pri la movado en la periodo 2008 - 2013, kaj delegitoj aŭdis mallongan prezentadon de s-ro Tran Quan Ngoc pri statuto de VEA. Sekvante, la elironta komitato prezentis la liston de la novaj komitatanoj laŭ rezulto de la konsultiĝa konferenco, kiu estis alte konsentita. Tuj poste, la 16 novaj membroj de VEA komitato prezentiĝis al la ĉeestantaro. S-ro Nguyen Van Loi denove estis voĉdonita kiel prezidanto de VEA, s-ino Do Thi Toan kaj s-ro Tran Quan Ngoc – vicprezidantoj, s-ino

Nguyen Thi Phuong Mai – ĝenerala sekretario kaj s-ino Le Thi Thien Thu – komisionano de KAEM.

Rimarkindas, ke en la nuna kongreso, la malneta statuto estis malferme kaj demokratie diskutita, aparte pri eventuala ŝanĝo de la vjetnama nomo de VEA, t.e de “Hội Quốc tế ngữ Việt Nam” al “Hội Quốc tế ngữ *Esperanto* Việt Nam”. Unu trinono de diskutantoj konsentis kaj agnoskis la justecon de la propono. Du trionoj (43/64 delegitoj) kontraŭis la proponitan nomon. La diskuta rezulto elstarigis la parolantan verecon deveni de vjetnamaj koroj: monde ekzistas kelkaj internaciaj lingvoj, tamen en Vjetnamio, Esperanto estas la unika internacia lingvo.

Unu el la nepraj partoj de ĉiu kongreso estas rekompencadon al vjetnamaj esperantistoj, kiuj jam grande kontribuis al la enlanda Esperanto-movado. Neesprimebla ĝojo brilis en ĉies okuloj. Poste, ĉeestintoj aprobis la kongresan rezolucion kaj s-ro Nguyen Van Loi deklaris la fermon. Post pli ol 4 laborhoroj kaj rapidaj kaj seriozaj, la 5-a kongreso de VEA sukcese okazis.

Samtaga posttagmeze okazis la kunsido de la novaj komitatanoj. La plenuma komitato de VEA diskutis multe da aferoj, inkluzive de la elekto de respondeculoj pri diversaj komisionoj de la movado kaj la kalkulado de la tutnombro de membraro. Rimarkinde, pli da gejunuloj estis komisiita gravajn laborojn. Tio signifas, ke la fido je junularo forte kreskis. Ekzemple, fraŭlinoj Le Minh Thu (Helenjo), Tran Thi Hoan (Ĝojo) kaj fraŭlo Nguyen Duc Trong (Ĵonilo) respondecas pri informado; s-ino Nguyen Thi Thom Thom kaj fraŭlino Nguyen Thi Nep (Nepo) estas gravaj membroj de trejnada komisiono. Alia grava afero, pri kiu la komitatanoj multe zorgis, estas la nuna nombro de aktivaj esperantistoj en Vjetnamio. La plenuma komitato asignis tion al reprezentantoj de diferencaj sekcioj aŭ organizo por taski la fortecon de la movado. La kunveno finiĝis per la diskuto pri la trejnado kaj preparado por la venontajara KS (komuna seminario) okazonta en Ho Ĉi Minh Urbo.

Le Thien Thu <lethienthu.esper@gmail.com>

## Partoprenu en Internacia Esperanto-*Sumoo*

*Sumoo* estas japana tradicia lukto kaj la konkurso okazas ses fojojn jare. Nia Esperanto-*Sumoo* okazas paralele kun tiu *Sumoo*, celante progresigi nian libro-kulturon. Partoprenantoj decidas la libron, kiun ili legos dum la periodo, kaj la kvanton de paĝoj, kiun ili legos por unu tago. Se ili plenumas sian promeson pri la kvanto, ili gajnas unu venkon. Tiamaniere ili luktadas dum 15 tagoj, ne kontraŭ aliaj luktistoj, sed kontraŭ sia maldiligenteco.

La 24a Internacia Esperanto-*Sumoo* okazis de la 15a ĝis la 29a de septembro 2013 kun granda sukceso. En ĝi partoprenis 146 homoj el 28 landoj. El ili 112 homoj perfekte venkis 15 tagojn (76,7%). La tuta kvanto de legitaj paĝoj estas pli ol 11000.

Landoj de la partoprenantoj estas :

Japanio: 49, Svislando: 16, Francio: 13, Pollando : 11, Vjetnamio kaj Koreio : 7, Kubo : 5, Finnlando kaj Italio : 4, Serbio, Svedio kaj Danlando : 3, Brazilo, Usono, Germanio, Nepalo kaj Rusio : 2, Tajvano, Ĉinio, Barato, Argentino, Mongolio, Kanado, Turkio, Malajzio, Nederlando, Andaluzio kaj Hungario: 1.

En tiu ĉi *Sumoo* partoprenis 15 lernantoj el La Chaux-de-Fonds, Svislando, prizorgate de s-ino Mónika Molnar. Ili bone luktis kaj donis freŝan venton al la *Sumoo*.

La venonta *Sumoo* okazos ekde la 10a ĝis la 24a de novembro 2013. Por ĝui Espeantan libron kaj altigu vian kapablon, vi partoprenu en tiu *Sumoo*. Ni atendas vian partoprenon.

Detalojn vi vidu en la suba retejo :

http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html

Raportas HORI Jasuo, ĉeforganizanto

## Nekrologo

# Forpaso de la elstara kaj la unua eldonisto de Esperanto-libroj en Irano

Reza Kheirkhah <rezamenhof@yahoo.com>

La forpasinta S-ro Ahmad ATAI estis la plej unua eldonisto en Irano kaj dum mult-jaroj eldonadis E-librojn. Ankaŭ irana fama verkisto esperantista (patro de Esperanto-movado en Irano) kaj psikologo prof. M. H. Saheb-z




Zamani eldonadis en lia eldonejo multajn verkojn originalajn divers-teme ĉefe Esperantajn. Do multaj esperantistoj ŝuldas s-ron ATAI kaj lian eldonejon samnoman pro Esperantaj eldonaĵoj dum duon-jarcento!

Kondolencon al estimataj inĝeniero Behruz ATAI kaj s-ro Majid ATAI, ambaŭ esperantistoj kaj liaj filoj, kaj gefamilianoj funebrantaj; esperante sanecon kaj paciencon al restantoj;

Jen kovrilo de Esperanto-libro eldonita de eldonejo ATAI, kiu aperis en miloj da ekzempleroj kaj havis grandan rolon en la disvastigo de Esperanto en Irano

## Eseo de Trezoro

# Vi Fakte Posedas Sufiĉan Nivelon Paroli En Esperanto

## Mankas al vi nur kuraĝo!

Trezoro Huang Yinbao (Ĉinio)

Ĉiuj esperantistoj en Ĉinio esperas flue paroli Esperanton, sed multaj ne povas bone paroli. Ili ĉiam parolis nur en la ĉina lingvo, kvankam multaj el ili lernis Esperanton jam dum du- aŭ tridek jaroj. Oni donacis al ili specialan nomon "ĉiamaj komencantoj". Oni trovis diversajn kialojn por senkulpigi sin mem. Ne malmultaj esperantistoj fakte posedas sufiĉajn vortojn kaj gramatikon por ekparoli, al ili tamen mankas kuraĝo paroli en Esperanto. Sama fenomeno troviĝas en nia provinca ĉefurbo Lanzhou, kie estas ne malmultaj esperantistoj. Ni ofte kunvenis aŭ renkontiĝis, sed neniam parolis en Esperanto krom "saluton" kaj "ĝis revido". Mi multfoje provis paroli Esperanton kun ili, sed mi ĉiufoje vane paroligis ilin. Ili ĉiam rifuzas, kvankam kelkaj el ili posedas sufiĉan nivelon ekparoli Esperanton. Iuj el ili foje gvidis fremdlandajn esperantistojn vizitintajn al la urbo.

Iu amiko en la urbo posedis sufiĉan nivelon por paroli Esperanton, ĉar li foje partoprenis en UK en Eŭropo, sed li ĉiam rifuzis interparoli en Esperanto kun mi. Printempe en la jaro 2010 mi veturis al la urbo pro oficlaboro. Mi, loĝinta en hotelo de la urbo, telefone vokis la amikon. Mi, salutinte lin en Esperanto, mensoge diris al li, ke mi estas japana esperantisto, ke mi atingis la urbon por renkonti lokajn esperantistojn. Li aŭdis tion, do li devige parolis kun

mi nur en Esperanto. Post balbutado en nur du minutoj lia parolado en Esperanto fariĝis pli kaj pli klara kaj flua. Ni parolis unu horon kaj duonon nur en Esperanto. Poste li proponis renkontiĝi kun mi en la hotelo, kaj mi ĝoje akceptis lian proponon.

Kunportinte ĉinstilan pentraĵon kiel donacon al mi, li veturis al la hotelo. Li frapis la pordon anoncante en Esperanto, sed post kiam mi malfermis la pordon, li tuj en la ĉina lingvo demandis min, "Ankaŭ vi venas por renkonti la japanan amikon?" Mi ridete petis lian pardonon, klarigis la kialon en Esperanto. Post mia klarigo kaj persista parolado nur en Esperanto, li komencis balbuti en Esperanto, kaj poste tre flue eĉ babileme parolis en Esperanto. Li rakontis pri sia familio, sia laboro, sia historio, sia partopreno en UK, kaj pri multaj interesaj aferoj en sia vivo. Mi vere ĝuis lian fluan paroladon en Esperanto. Li parolis kun mi ĝis la 2a horo nokte. Li loĝis en mia dulita ĉambro en la hotelo. En sekva mateno li daŭrigis entuziasme paroladon nur en Esperanto. Li konfesis, ke li ne povus flue paroli, se li scius, ke mi estas ĉino. Mi respondis, ke li fakte posedas sufiĉan nivelon paroli en Esperanto. Mankas al li nur kuraĝo!

# Aktivuloj, membriĝu al UEA subvenciite de "Fondaĵo Azio de UEA"

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financa kialo, tamen certe vi volas esti membroj de UEA. Do sendu jenan peton al KAEM. Se KAEM konstatas, ke vi estas diligentaj esperantistoj, ĝi aligas vin al UEA senpage kaj vi ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare. Jam vi ne estos izolitaj esperantistoj, sed en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝ-maniero**

1. Skribu jenajn du aferojn.
1) Viaj nomo, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.
2) Viaj agadoj por la movado en 2013 kaj planoj en 2014.
2. Sendu ĝin poŝte al KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Aŭ sendu rete al s-ro INUMARU Fumio inumaru-f@nifty.com
* Skribu "Projekto C" kiel titolon aŭ sur la koverto.
3. Limdato: la 30a de novembro 2013.

**Notoj:**

1) **Skribu klare vian nomon kaj adreson en Esperanto!!!**
2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.

**Peto al riĉaj ĉinoj**

Riĉaj ĉinaj esperantistoj ne aliĝu al tiu ĉi senpaga servo, sed mem membriĝu al UEA kaj se eblas, donacu pli ol 5 eŭrojn al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio" .

* En 2013 entute 139 homoj estis akceptitaj kiel membroj de UEA.
Vjetnamio: 47 Ĉinio: 24 Mongolio: 16

Pakistano: 21 Indonezio: 4 Nepalo: 27

* Certe troviĝas kandidatoj pri tiu subvencio en aliaj landoj. Ne forgesu peti.

# Projektoj de KAEM

## Projekto A: Azia Kongreso

A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.

A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp., per la subvencio el Fondaĵo Azio de UEA.

## Projekto B: Kunlaboro

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso.

B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso.

B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.

B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:

Japanoj･Israelanoj: 20 eŭroj, Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj, Aliaj azianoj: 2 eŭroj

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.

B-6: Eldoni "Jarlibron de KAEM" ĉiun jaron.

B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj.

## Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI

C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA.

C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA. Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.

C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.
*"Juna amiko" eldoniĝas 3-foje jare. Tarifo estu 3 eŭroj laŭ tiu ĉi aranĝo (kompare kun plena tarifo de 12 eŭroj).
C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono.

**Projekto Ĉ: Edukado**
Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj.
Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj.

**Projekto D: Esperanto-libroj**
D-1: Eldoni necesajn librojn.
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj.
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio.
D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp al kluboj, asocioj.

# Esperanto-eventoj ===
11.09 ~ 10 La 14a Ĉuugoku-Ŝikoku-E-Kongreso / Hiroŝima, Japanio
12.06 ~ 08 La 1a Srilanka Esperanto-Kongreso / Kolombo, Srilanko
12.20 ~ 22 La 34a? Komuna Seminario inter / Pekino, Ĉinio

**2014**
2.25 ~ 3.1 La 2a Sud-Azia Seminario / Lahor, Pakistano
4.05 ~ 10 La 7a Mezorienta Kunveno / Tbilisi, Kartvelujo
7.18 ~ 25 La 70a Internacia Junulara Kongreso / Fortalezo, Brazilo
7.26 ~ 8.02 La 99a Universala Kongreso de Esperanto / Bonaero, Argentino

# Novaj KAEM-anoj

**Ĉinio:** Wang Ruixiang 13436481089@163.com; wrxzj@tom.com
Prezidanto, Projekto A (Preparado de la 8-a Azia Kongreso en Ĉinio)

**Japanio:** Inumaru Fumio inumaru-f@nifty.com
Vicprezidanto, Projekto C (Membriĝo), Subteno al Indonezio, Filipinoj, Ekspedo de la revuo (“Esperanto en Azio”)

**Mongolio:** Chimedtseren Enkhee enchjo@yahoo.com
Ĝenerala sekretario (pri subvencio kaj elspezo el buĝeto), Reviziisto de KAEM-buĝeto, Interrilato kun UEA

**Hindio (Barato):** Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com
Interrilato kun UEA (Raportoj al UEA pri KAEM-agado), Subteno al Srilanko

**Irano:** Omid Rohanian omid.rohanian@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj de Irano (Arabaj landoj)

**Nepalo:** Mukunda Raj Pathik mpathik@gmail.com
Organizo de SAS (Sud-Azia Seminario), Projekto Ĉ (Edukado)

**Vjetnamio:** Le Thi Thien Thu lethienthu.esper@gmail.com
Subteno al Sud-Orientaj landoj (Laoso, Kamboĝo, Tajlando, Malajzio)

**Pakistano:** Zubair Muhammad zurnab_pk@yahoo.co.in
Subteno al najbaraj landoj (Bangladeŝo, Afganio), Organizo de SAS

**Taĝikio:** Firdaus Shukurov komintel@yandex.ru
Interrilato kun Centr-aziaj landoj (Kazaĥio, Uzbekio, Kirgizio, Azerbajĝano, Turkio kaj Rusio)

**Koreio:** Kim Hiongun nomota@mobigen.com
Projekto D (Publikado kaj sendado de lernolibroj, lerniloj de Esperanto)

**Israelo:** Eran Vodevoz evodevoz@yahoo.com
Projekto B, Interrilato kun eŭropaj landoj kaj afrikaj landoj, nord- kaj sud-Amerikoj

**Honoraj prezidantoj de KAEM**

Puramo CHONG (Koreio)

Hori Jasuo (Japanio) hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la revuo “Esperanto en Azio”, Projekto C (Membriĝo al UEA)

Lee Jung-kee (Koreio) esperanto@saluton.net
Konsilanto pri interrilato de aziaj landoj

Sasaki Teruhiro (Japanio) steruhiro@hotmail.com.co.jp

**Retlistoj de Azia Esperantujo**

1. Informa kaj diskutada retlisto pri Esperanto, esperantistoj kaj E-movado en Azio: azio@yahoogroups.com
   Kiu ajn rajtas aliĝi al la listo. Por aliĝi al ĝi oni sendu al la retadreso sian mesaĝon: azio-subscribe@yahoogroups.com
2. Diskuta retlisto de aziaj respondeculoj pri movadaj temoj (prezidantoj, estraranoj, eks-prezidantoj, direktoroj kaj aliaj respondeculoj kaj aktivuloj de landaj asocioj kaj lokaj kluboj ktp rajtas aliĝi): azia-agado@yahoogroups.com
   Por aliĝi al ĝi oni sendu al:
   azia-agado-subscribe@yahoogroup.com
3. Diskuta kaj voĉdona retlisto de KAEM (nur KAEM-anoj aliĝas): azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com

Ne nur membroj, sed kiu ajn povas sendi sian mesaĝon al supre menciitaj unuaj du laborlistoj pri movadaj problemoj, ne aliĝinte al la listoj. Via mesaĝo atingos ĉiujn listanojn samtempe! Viaj aliĝoj kaj komentoj, konsiloj, proponoj kaj kritikoj estas bonvenaj.

4. KAEM-informoj en Vikipedio/Wikipedia. Jen estas ĝia adreso:
http://eo.wikipedia.org/wiki/Azia_Komisiono_de_UEA

Chimedtseren Enkhee encho@yahoo.com

……………………………………………………………………………

## Esperanto en Azio

Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso de KAEM (sendu viajn mesaĝojn al KAEM ĉi suben):
<azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com>
TTT-ejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3